# PENSEO

N-ro 286

aŭg. / 2015

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 26-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### sentema mimozo

planto impulsiĝema kreskas ekster cerbo.
velko kaj prospero spitas la sezonojn.
ĉe la nura susureto de folioj en la vento
ĝi vekiĝas kaj stariĝas por ekserĉi amazonon.



2012.11.26

### floro de kulpo

floro de kulpo!
suĉema la burĝono kiel polpo
min retas. elĉerpiĝas mia pulpo.

2012.11.27 - 6

### sanga papavo

sanga papavo,
la suko kaj purpuro kun glupovo
dronigas nube min en via ravo.

2012.11.27 - 4

### kapdoloro

promesas stare mi sumigi ĉiujn stelojn sur
ĉielo,
revante ke libreto de la kosmo havu mian
nomon.
okuloj suprenrigardantaj vidon kaj vertebrojn
tordas.
kuŝante mi kalkulas harojn proprajn por forigi
vomon.

2012.11.28 - 7

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Senceremonie

Jen sur mia templinio,
la dato, kiu ĉiam revenas,
portanta maltrankvilecon,
filozofiojn elpensas...

Mi naskiĝis per tranĉ' sinkrona
en la diakrona etern',
El Ĝemeloj: Kastor' kaj Poluks'
en kunvivo amikeca...

El Minoj pro mem inklin',
en la ĉiel' de l' dusenc',
kultivi silenton mi provas.

Ja, ĉasistino de sencoj,
mi tranĉas kaj kudras vortojn
ĉe l' areno de l' poezio.
Kiam mi ploras, ridetas:
supreniranta river'.

Juiz de fora, 27/05/2015.

### Paŝoj

La rigardo de l' poeto
faletas en la nuboj

de la vojo kaj sonĝas
deĉifri la ĉarmon
de la dutempa danco
de l' marŝantaj piedoj
laŭ la homa takto.

Kaj, paŝon post paŝo,
horojn viv' senfoliigas
en la senfina tempkurbo.
Sentaktas la salto:
risko de falo aŭ flugo.



Juiz de Fora, 02/06/2015.

## Mori (Usono)



AFORISMe(7)

Se la mondon
ne regus kapitalo
kaj leĝoj de ĝangalo
homo ne kondutus kiel
animalo.
***
Kie vivas liberanimaj
homaranoj
tie ja ne povas sukcesi
tiranoj.
***
Dum al junul'
mankas saĝ'
kaj al oldulo kuraĝ'
Despoto tenas ilin
sub la jugo en la kaĝ'!
***
Kie oni timas
siajn rajtojn postuli
neniu povas
je siaj rajtoj kalkuli!
***
Kie senrigarde al posten'
kaj mono
ĉiu homo estas
plenrajta persono
tie apenaŭ necesas
prizono!
***
Tirano
estas reganto kies volo
pli gravas ol tiu de
popolo!
***
Kiam la reganto
la landon misgvidas
Veraj patriotoj
la reganton bridas
***
Kie riĉuloj suĉas sangon
samkiel kuloj
kaj mizeruloj laboregas
kiel muloj
tie estas la lando de
sklavuloj.
***
Kie por ĉio la mezuril'
estas mono
tie apenaŭ valoras
la malriĉa persono.
***
Per mono kaj oro
aĉeteblas
eĉ honoro!
***
Kiam registaro
regas kiel lupo
saĝuloj kondutas
samkiel vulpo.
***
Se malriĉuloj
egalus al riĉuloj
ĉiuj homoj ja estus
feliĉuloj.

## Cezar (Germanujo)



### Mi, la azeno kaj ŝi

**Ŝi, la poetino**

Vi rajtas min demandi ĉiam,
egale, pri kio temas,
vi estas kiel frato.
Mi eltenos ankaŭ
vian kritikon,
kaj aŭskultos vin.
Mi volas esti
kvazaŭ fratino por vi.
Demandu min,
mi helpos al vi plori
ĉe la brusto de via edzino.
Sed lasu min esti mano via ,
se vi bezonas min.
Mi ne estas infano,
Mi estas via ombro,
kiu staras malantaŭ vi.
Mi estas via spegulbildo,
parolu kun mi.
Mi konsolos vin kaj ŝin.
Vortoj povas ensorĉigi,
tuŝi ĝisplore kaj ridigi vin.
Aŭ ĵeti en desperon.
Ni agu atenteme,
ni, la vortmetistoj.
Mi admiras vin.
Vi trovis bonan vojon.
Tio estas permesata,
ke mi apogas mian kapon
al via ŝultro kaj vidas vin
verkanta, kaj tio,
kion vi skribas,
albordiĝos
en mia koro.
Vi atingis,
ke miaj tagoj
estas buntaj.
Mi mallaŭte dankas al vi.
Kaj al ŝi por la rideto
kaj por la koloroj...,
kiel fratino via.

**Mi, la azeno**

Nur unu demando, kara.
Viaj vortoj estus kiel balzamo
sur mia suferinta animo,
kial mi do ne plu aŭdis ion de vi
dum nun jam ses aŭ eĉ pli da jaroj?
Kvankam vi eldonis eĉ ampoemojn
kun alia en tiu tempo?
Ĉu tial, ĉar eterneco estas ĉeokaze
tre efemera? Ĉu pro la alia aŭ
pro io tute alia?

Tion mi volonte volus foje ekscii.
Tamen mi komprenas vin, tute certe.
Vi ne devas respondi al mi.
Mi estas granda azeno,
ĉar mi demandas vin.

> **Pardonon!**
>
> En penseo 285 mi fuŝe publikigis la poemon *Mi, la azenon kaj ŝi* verkitan de Cezar. Pro malzorgemo mi nur aperigis la antaŭan duonon de la poemo, kaj nun mi vidigas la tutan poemon al nia legantaro.
>
> Vejdo

## Paŭlo Silas (Brazilo)



### AMA VARMO

Ĉiuj naskiĝas por am'
Kaj por esti kune ĝis odoras la balzam'.
Frue aŭ iam kor' vibros.
Vi komprenos kiam la bezono vin travipos.
Se dekomence vi neas,
Poste, tute certe, la certeco ekpaneas.
Iuj kapablas neadi
Dum interne flam' neestingebla sentas ardi.
Viv' enhavriĉa vin havos,
Se vi mole cedos al am', kiu ĉiam pravos.
Jes! Vin ĉirkaŭos la viv'.

Nur ne plendu pri mank’ de racia vivsignif’.
Am’ ne racie funkcias:
Subjektive floras, florsimile plu gracias.

Timo, singardo kaj zorgoj.
Vort’ aluda, flirto parolema, amprovokoj.
Pensi, mediti kaj pesi.
Kaj reveni, revi, rekunigi, sin forgesi.
Lasi, ne zorgi, ignori.
Apudesti, stari kaj atenti, rememori.
Ordo, reguloj, normalo.
Ĉiutagaj devoj, sindevigoj, tempoŝparo.
Vidi distancon, rezigni.
Ĉu grandpaŝe kuri trans kaj limojn ne plu signi?
Multon promesi, plenumi.
Kion? Kion volas vi? Ĉu volas nur seksumi?
Do, man-etendo instiga.
Etpermesi supreniran kison plej amikan.
Iĝi unuo per karno.
Per naturo lasi elmontriĝi ama varmo.



## Leiela (Meksikio)



### Virtuala rozo

Kiso kiu ne tuŝis miajn lipojn
amiko de la vivo kaj de la morto...
de la eterneco...
multfoje vi adiaŭis min
ja sen esti alveninta ankoraŭ
rozo en mia korpo, kareso de la aero
dolĉa akvo sub miaj piedoj,
milde parfumata herbodore,
sen esti alvenita vi ne revenos...
Mi sentas kvazaŭe proksimantos la morto
per la malvarmo de miaj tagoj...
kaj malrapida kaj konstanta dorno,
dolorigas ĉiu sekundo ene de mia koro,
hakante ĝin la malespero,

virtuala rozo...
mi daŭras esti amika de la fidela soleco,
la silento...
ne estas mia milda konsolo
sed la mallumo ne plu timigos min...
ĉar mi restos pace malproksima de pacioj,
dormante revos pri rozkolora realo,
mi apartenos eterne al la tero, la floroj,
la papilioj kaj birdoj, la infana senkulpa rideto
flugante per la vento...
kaj kiel la akvo irante ĉiuloke
per tero kaj ĉielo, kiel pluvaj gutetoj,
foje kiel forta pluvo...
libere mi iros kaj revenos,
en la vento kaj akvo, karesante vin,
kisante vin milde, varmete,
kaj vi sentos mian kison,
kaj vi ridetos feliĉe
lumiganta mian esencon,
kaj estos plenpura sento,
en tiu milda kareso.



Suno. 27 de aprilo 2015.

## Siv Rusell (Svedujo)



### Delikata vitro

Se el plej delikata vitro ni estus,
ni povus frakasiĝi,
se fivorto en koro restus,
nia memfido povus foriĝi.

Sed el alia material’ ni estas,

pli mola kaj fortika,
por elteni ŝtormojn, kiuj restas
post ĉiu “milito formika”.



*pentraĵo de la aŭtorino*

Post multaj duraj vicoj
ni veraj hmoj iĝos,
atendas ja pliaj defioj,
sed fine la tero pliboniĝos.

## Ĉuisto (Ĉinujo)



### Amo foriris per vento

Se foriros mi ja de vi sen renkont’,
Mi direktos min al enamiĝo-loko.
Tie eble flirtos dense neĝaj flokoj,
Certe mi sopiros vin en for’ de l’ mond’.

Sub lazura kaj serena firmamento,
Mi fervore vin brakumos en silento.
Steloj ade flagros brile sur ĉielo,
La pasio fluos jen tra mia sento.

Se foriros mi ja de vi sen renkont’,
Mi direktos min al enamiĝo-loko.
Tie eble flirtos dense neĝaj flokoj,
Certe mi sopiros vin en for’ de l’ mond’.

Kiam mi refoje kantos por vi kara,
Mi revokos ampaseon ja feliĉe.
Per la milda brizo ŝvebos l’ am’ nektara
Kaj ĝi fluge disvastoĝos jen kapriĉe.



## Bebel Gilberto (1966-)



### Trankvile

(kantteksto)

Trankvile
La vivon mi elportas trankvile
La mondon mi tute ne timas (bis)
Jes ja sen iu singêen' (bis)

Trankvile
La vivon mi elportas trankvile
La morton mi tute ne timas (bis)
Jes ja sen iu singêen' (bis)

.

Ke min preterpasu malsano
Ke min preterpasu malriĉo
Ke min preterpasu perverso, mensogo, kaj manko de kredo
grande Malfavorokul' pasu same
Kaj min preterpasu missorto
Ke min preterpasu envio, diskordo kaj nepre malscio ( Ripeti la unuan strofon, daŭrigi de kio sinsekvas )

Preterpasu
Malfavora okul' pasu
Ke perverso preterpasu
Ja missorto preterpasu
Preterpasu
Ja envio preterpasu
Ĉio mava preterpasu
Kaj milita tristeco
( Fini kun ripeto de la dua strofo )



*Esperantigis*



## Ŭel Roŝa (Brazilo)

# Guan Hanqing (ĉ. 1229 - 1307)



## Memportreto

—laŭ melodio *Rifuzi cedi al sia aĝo*

Mi emas deŝiri unu post aliajn florojn ekstere de muroj.
Mi emas pluki unu post aliajn salikvergojn ĉe vorandoj.
La ruĝaj pistiloj de ŝiritaj floroj estas delikataj.
La verdaj salikvergoj plukitaj estas molaj.
Mi, kiel granda duonĵuano, emas tiel flirtadi ĝis velkiĝo de floroj kaj kadukiĝo de salikvergoj sub miaj diboĉaj manoj.
Dum duono de mia vivo mi deŝiras florojn kaj plukas salikvergojn.
Dum mia tuta vivo mi dormas inter amasoj de floroj kaj salikoj.
Mi estas gvidanto de dandoj sub la ĉielo.
Mi estas ĉefo de diboĉuloj en la mondo.
Mi bondeziras ke la junaĝo restu ĉiam senŝanĝa,
ke ni plezuru inter floroj, ke ni forigu tristojn per senbrida drinkado.
Ni ĝoje pasigu tempon per la ludoj dividi teon, disigi bambuajn stangetojn, kartludi ĉevalbloketojn kaj diveni lotilojn.
Mi bone konas muziknotojn. Nenia ĉagreno povas veni al mia koro!
Mi akompanas la knabinon de arĝenta liuto, kiu ludas la arĝentan liuton sur la arĝenta altano, ridante staranta antaŭ la arĝenta ekrano.
Mi akompanas la jadan feinon, tenante ŝiajn jadmanojn apud ŝia jada ŝultro, kune ascendinte jadan pavilonon.
Mi akompanas putinon de ora harpinglo, kiu kantas la kanton *Ora Fadeno*, tenante oran pokalon, plenan de oraj nektarŝaŭmoj.
Vi opinias ke mi devas portempe ripozi pro olda aĝo. Kial okupi delikate kaj elegante la lokon en antaŭa vico de diboĉejo?
Mi estas marŝalo en flora formacio, mi rondvizitis tra diversaj prefektujoj.
Vi junuloj estas nur novnaskitaj leporidoj de pajla monteĝo kaj sabla terkavo, novicoj en ĉasejo.
Dum mi estas sperta militĉevalo, kiu travivis vualon per kaĝo kaj ŝnurreto en bataloj, tretadon far maljuna fazano kun malmolaj plumoj.
Mi travivis atakojn de embuskaj arkoj arbalestoj kaj stanaj lancpintoj, sed mi neniam postrestis malantaŭen.
Proverbo diras ke “ĉio jam finiĝis por mezaĝuloj”, tamen ĉu mi volontus malŝpari miajn tagojn senfruktaj?
Eĉ se oni ĉiamaniere insidis min per la mil-maŝe volv-rampa kaptilo, kiun la kaptito ne povas rompi per ŝpato, detranĉi per hakado, forigi per malligo kaj forĵeti per klopodo, mi ankoraŭ restas laŭte resona grajno de kupra pizo, kiun oni neniel sukcesis vaporumi ĝiskaĉe, kuiri ĝisprete, bati ĝisplate kaj rosti ĝiskrake.
Kiu min inspiras, estas la luno super la Ĝardeno de Princo Liang.
Kiun mi drinkis, estas la vino de la Orienta Metropolo.
Kiujn mi aprezas, estas peonioj de la urbo Luoyang.
Kiujn mi plukis, estas saliko-vergoj de bordela distrikto Zhangtai.
Mi ankaŭ scipovas ludi vejĉi-on, scipovas ludi piedpilkon, scipovas ĉasi, scipovas humori, scipovas kanti kaj danci, scipovas ludi muzikilojn, scipovas roli, scipovas versi, scipovas ludi vetkartojn.
Eĉ se vi faligis al mi dentojn, distordis mian

buŝon, lamigis al mi krurojn, vundis al mi
manojn, eĉ se la Ĉielo punas min per tiaj
malfeliĉoj, mi ankoraŭ ne konsentas ŝanĝi
miajn kondutojn.
Escepte en la okazoj,
ke la Reĝo de Hadeso persone venas voki min,
ke la fantomaj pedeloj persone venas aresti
min,
ke mia animo venas al Infero,
ke mia spirito falis en la Submondon.
Ho, Ĉielo! Nur tiam mi ne irus al la vojo
direkte al boreloj.

*Esperantigis*



## Guozhu (Ĉinujo)

## Zhao Ji * (1082 - 1135)

— laŭ melodio *Ebrio en Printempa Zefiro*

Lasu nin kundrinki ĉe-amfore,
brakumi molan jadon fervore.
Kuŝu en mia sino amore.
Ho, dolore, dolore, dolore!
Karulonŝxi forpuŝis.
Aŭdiĝis vibra krio,
pro deflorad' pudore.

Komencu per korpa rajd-ascendo!
Nun inter ni jam nenia fendo.
Ĉifoje provludu kun pretendo.
Ho, kresĉendo, kresĉendo, kresĉendo!
Kruciĝu niaj brakoj,
ankaŭ lipoj al lipoj,
kaj langoj per transsendo.




* ĉina imperiestro Song Huizong,

*Esperantigis* **Eĉino (Ĉinujo)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



# Zhuangzi

## ĈAPITRO TRIA

# La konservo de la vivo

### §03-03

Kiam Gongwen Xuan ekvidis la komandanton de la Dekstra Armeo, li mire diris, “Kiu estas vi? Kio kaŭzis, ke vi havu nur unu piedon? Ĉu tio estas la faraĵo de la Ĉielo aŭ de la homo?”

“Tio estas la faraĵo de la Ĉielo, ne de la homo,” estis la respondo. “La Ĉielo faris min unupieda, por diferencigi min aspekte disde la aliaj. La homa aspekto, kiu estas dotita de la Ĉielo, ordinare estas simetria. El tio evidentiĝas, ke tio estas la faraĵo de la Ĉielo, ne de la homo.”

### §03-04

La marĉeja fazano devas fari dek paŝojn, por trovi bekon da nutraĵo, kaj cent paŝojn, por trovi iom da trinkakvo, sed malgraŭ tio ĝi ne volas esti bredita en kaĝo. Eĉ se ĝi povus vivi bonnutrite en la kaĝo, ĝi sentus sin ne komforte.

### §03-05

Post kiam Laŭzi mortis, Qin Shi, iris por funebro. Li eligis nur tri plorkriojn kaj eliris.

Iu disĉiplo demandis lin dirante, "Ĉu vi estas amiko de mia majstro?"

"Jes, mi estas," respondis Qin Shi.

"Ĉu vi opinias deca funebri pri li tiamaniere?"

"Kompreneble jes! Mi pensis, ke li estas homo super la teridoj, sed mi nun ŝanĝis mian opinion. Kiam mi iris lin prifunebri, tie la gemaljunuloj ploris tiel, kvazaŭ ilia filo estus mortinta, kaj la gejunuloj lamentis, kvazaŭ ili perdus sian patrinon. Ili kolektiĝis tie por diri tion, kion ili ne devus diri, kaj priplori tion, kio ne estus priplorinda. Ili agis kontraŭ la naturaj principoj pri la vivo kaj morto kaj dronis en malgajeco, forgesante la veran kaŭzon, kial ni ricevas tiun ĉi vivon. En la antikveco tio ĉi estis nomata "evito de la naturaj principoj". Via majstro venis en la mondon, ĉar estis lia tempo naskiĝi; li foriris, ĉar estis lia tempo morti. Ĝustatempa veno kaj ĝustatempa foriro estas tute laŭ la natura leĝo kaj sekve havas nenian rilaton kun ĝojo kaj malĝojo. Tio estis rigardata de la antikvuloj kiel 'liberiĝo el la ligiloj.'"

**§03-06**

La rezino kaj la brulligno povas konsumiĝi, sed la fajro daŭros plu, kaj neniu scias, kiam ĝi alvenos al la fino.



*Esperantigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



## Aĉetado de ŝuoj

ĉina antikva fablo
—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Malsaĝul'
en rur' izola
volis aĉeti ŝuojn
en la bazaro fora
por uz' popola.

Ĉe ekir'
la piedojn li
mezuris tre zorgeme
notis pri la dimensi'
kiel memorsci'.

Sed tamen
li forgesis jam
la dimensi-rubandon
hejme, kuris kiel ĉam'
brulanta de flam'.

Ĉe l' bazar'
li jen subite
pensis pri la rubando
forgesita mens-glite
kaj pentis ŝvite.

Li diris
al vendist' de ŝu':
"Mi la piedmezuron
hejme jam forgesis, hu!
Atendu min, ĉu?

Revenos
mi post ekpreno

de l’ pieda mezuro.”
Li hastis por reveno
kun mava spleno.

Kiam li
ree al bazar’
iris kun mezurilo,
jam ĉesiĝis negocfar’
nur ventis en knar’.

Nature
li iris vane
por aĉeto de ŝuoj,
reiris malplenmane
stultis infane.

Demandis
aliaj al li:
“Kial ne per piedoj
provis la ŝuojn ja vi,
tiele sen sci’?”

“Ne strange,”
li tre memfide
respondis: “je piedoj
mi ne kredas konfide
sed je mi decide!”




## Jadranka Miric (Serbujo)



## Juliaj fajretoj

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*
Bruniĝas
arbo surstrata.
Speguliĝas brile sun`
en fontan’ troviĝanta,
alten ŝprucanta.

Soifaj
uloj afable
atendas sian vicon
ĉe fontan’.Pli agrable
estus ĉetable.

Soifas
tero. Eĉ roso
bonvenigus.Nek helpus
subtera riverfoso
nek ŝtorma broso.

Blovetas
julia vento.
Aero sufokiĝas..
ĵetas homojn en tento.
Milda torento.

Aŭskultu!
Estis hakita
ho, sesjarcenta kverko.
Ho, la kverko benita
eĉ notita** Ve!

***notita kaj benita kverko - laŭ ortodoksa kredo kaj laŭ kutimo de la serba popolo Al neniu estas permesite haki la maljunan kverkon/ la sesjarcenta /ĉar ĉiu –jare tie kolektiĝas la popolo por festi tradiciajn festojn ekz. la vilaĝana festo ,,zavetina,,, aŭ laŭ kutimo de malsanuloj sur la kverkon oni postlasas notojn /iliaj rakontetoj ,deziroj por resaniĝo kaj dankemoj).*

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Guram Svanidze (Kartvelio)



## Franclingvano

Tiu ĉi junulo kaj mia fratino estis samklasanoj, tamen nelonge, la unuajn ses jarojn. Poste mia fratino translokiĝis el nia urbo al Tbiliso[1], al la avinjo. La lernejon li finis kvin jaroj pli frue ol mi kaj forveturis al

Rusio. Pasis precize 17 jaroj post kiam ankaŭ mi finis la lernejon kaj 22 jaroj post kiam mi vidis lin lastan fojon. Memori tiun ĉi junulon ne estis aparta kaŭzo, nur eble pro tio, ke foje en la lerneja korto li alvokis min kaj demandis pri Dina (nomo de mia fratino)... Kaj jen en malvarma mateno starante jam la kvaran horon en tbilisa vico por pano en komenco de naŭdekaj jaroj, mi streĉe rememoradis lian familinomon. En la vico min anstataŭis la bopatrino. Mi iris hejmen, poste laborejen kaj daŭre ĝis doloro streĉigis mian memoron. Kiam pro paneo de elektro en metrotunelo haltis trajno, en mallumo kaj plendado de pasaĝeroj abrupte venis la ideo: “Lia nomo estas Vasja Dudnik!”

Post 5 tagoj oni telefonis al mi. Parolis usonanino. Kolegino-sociologo invitis min partopreni projekton pri problemoj de malriĉeco.”Dajan Dudnik”, – sin prezentis ŝi. Mi iĝis menaĝero de la projekto. Estis pri kio fieri kaj ĝoji – Dajan elektis min el multaj pretendentoj, kaj honorario (timindas diri kiom oble) superis mian salajron, kiu tiumomente estis 2 usonaj dolaroj en rekalkulo je loka mono. En la auto, kiam ni veturis al Kahetio[2], kie devintis fari parton de esploroj, mi – jam menaghero – rakontadis al la usonanino pri la okazintaĵo kun Vasja Dudnik, ŝia samnomulo el fora kartvela vilaĝo. Parenca ligo ne eblis. Dajan estis usonanino en la kvara generacio. Ŝia praavo, provinca hebreo el Ukrainio venis al Usono en komenco de la 20 jarcento. Preskaŭ mistera historio al ŝi ekplaĉis aŭ, povas esti, mia angla lingvo estis bonnivela. “Super!” – tranĉis la usonanino “tre” ruse kaj ruĝiĝis. Ŝia maniero ruĝiĝi ĉarmigis min. Kaj ne nur min, sed ankaŭ ĉiujn 45 partoprenantojn de la projekto, kiuj feliĉis iĝi ĝiaj anoj.

Ĝenerale Dajan preferis paroli pri la esplorobjekto – malriĉeco. En agrabla maja tago nia “Fordo” senbrue portis nin preter vitejoj. Ŝi pridemandadis la stiriston Sergo kion li manĝis matene. Li estis kuracisto-terapeŭto kaj kromlaboris kiel stiristo en nia projekto. Tiu ĉi cirkonstanco aparte ekincitis la usonaninon, ŝin trafis esplora ardo. “Ne ofendiĝu, ellerni malriĉecon en Kartvelio ŝi komencis de mi”, – diris mi al li kartvele. Sergo ne kontraŭis kaj respondis al la demandoj detale, interalie en la angla. Ŝi notadis. Evidentiĝis, ke respondinto hieraŭ dense tagmanĝis: li vizitis amikojn, kie oni regalis lin per tolmao – kuirita vianda farĉaĵo envolvita en junan vinberfolion. Sergo kapmontris al vitejoj. Tie laboris kamparanoj plenfamilie. Estis periodo de maldensigado de arbustoj. Forŝiritajn foliojn oni metadis en sakojn. Dajan estis konsternita. Fakto kun tolmao ne kongruis kun ŝia skemo de malriĉeco.

Ni envenis la urbeton proksimume je la unua horo posttagmeze. Ĝi aspektis dezerta. Nur bovinoj kaj porkoj – nepra atributo de provincaj urbetoj pigrece vagadis en senhomaj stratoj. “Vink-vink”, – sincere ridante eldiris Dajan kaj montris per fingro al malfruiĝanta porkino, kiu trotetis la vojon rekte antaŭ “Fordo”. Tiel en la angla sonas “grunt-grunt”.

La suno ekbrilegis. La auton ni lasis en ombro de grandegaj maljunaj tilioj ĉe la skvaro. Vershajne poreterne konstruita ŝtona barilo kun gipsaj dekoraĵoj en formo de vinberaj grapoloj malfarbiĝis, en kelkaj lokoj forfalis. Trans la placo, kontraŭ la skvaro situis loka urba domo. Ĝi aspektis pale kompare al la grandegaj privataj domoj ambaŭflanke de ĝi. Iliaj zinkaj tegmentoj blindigis ĉirkaŭaĵojn per rebrilo de suno. En la kontoro estis neniu. Ni revenis al la skvaro. Tie sidis viroj, eble kvin kaj ludis nardojn. Kiam ni alproksimiĝis, ili vigliĝis. Ekaŭdiĝis komentoj, kiu estas tiuj eksterlandaj turistoj-okulvitruloj (mi kaj Dajan), verŝajne fotados, kaj kiu fotojn ricevos? Mi salutis ilin. Ili pli vigliĝis. El iliaj vortoj eblis kompreni, ke urba loĝantaro nun estas en vitejoj. “ En la

urbo nunas nur senfortaj olduloj, handikapuloj kaj pigruloj," – rimarkis unu pufventra viro, la plej sataspekta el ĉeestantoj kaj la malplej razita. Al kiu grupo li kalkulis sin? Liaj ŝvititaj grasegaj harozaj fingroj ĉiufoje, kiam estis lia vico ĵetadi ludkubetojn, pene kolektadis ilin. Ekparoli pri problemoj de malriĉeco rekte en la skvaro Dajan ne kuraĝis. Ŝi nur proponis fotiĝi kun la nardoludantoj. Eĉ tra la vidserĉilo de la fotilo videblis, ke ŝi malkontentis. La kahetianoj interrompante unu la alian ekinvitis gaste. Tiu, la plej dika, montris al la kastelo kun brilanta tegmento trans la placo, nomadis ĝin la sia kaj invitadis plej arde. La usonanino rezignis.

Dajan ekdeziris eksidi apud la stiristo. Mi malfermis la antaŭan pordon de la aŭto kaj la usonanino enŝoviĝis enen. Ekkapricis motoro. Sergo kraĉis pro domaĝo. "Oni parolis al mi, ke mi ne prenu fuelon en tiu ĉi benzinejo! Nun devos mi la klapojn purigi!" Li eliris el la aŭto , levis kapoton kaj komencis umi en la motoro. Dajan ruĝiĝis , sulkigis la brovojn sed nenion diris. Mi elaŭtiĝis kaj aliris la stiriston.

– Pardonu min, ĉu vi estas francoj? – prononcis iu malantaŭ mia dorso.

Mi rigardis returnen al la demandinto. Parolis altstatura malhelhara junulo, proksimume tridekjara. Li iom spasmospiris. Verŝajne, li hastis, kaj, eble, al ni. Lia staturo montris ftizulon: kava brusto, kurbeco, troa magreco. Kostumo, kiun evidente oni zorge sed mallerte antaŭnelonge gladis, pendis kvazaŭ sako. Kolumo de pura ĉemizo ne povis volvokovri lian maldikegan kolon. Eluzita kravato ŝajnis flankenita. Bela vizaĝo povis ekŝajni viveca, se ne estus tia aspekto de malhelaj okuloj (pli ĝuste ĝia foresto). La okuloj igis min ektremi, ĉar ili ne brilis, turnitaj enen, ili timigis per sia neviveco.

Ne finatendinte la respondon li sufiĉe vigle daŭrigis france:

– Mi aŭdis en la pariza radio, ke al Kartvelio devas veni ekspedicio, kiu sekvos la itineron de Aleksandro Dumas en Kaŭkazio.

El skvarprofundo ekaŭdiĝis voĉoj de niaj konatuloj, avertantaj junulon ne maltrankviligi la gastojn per "stultaĵoj". Li ne atentis ilin. La francan mi sciis nebone, sed komprenis pri kio temis kaj respondis kartvele. Mia respondo evidente seniluziigis nekonatulon.

La interparolon aliĝis Dajan. Al ŝi ŝajnis, ke nun ŝi ekparolos pri la objekto de la esplorado. Ne elaŭtiĝinte kaj plene malferminte la pordon de la aŭtomobilo ŝi en la rusa turnis sin al neatendita parolanto. El la interparolo ni eksciis, ke lia nomo estas Lado, li ne estas edziĝinta, laboras kiel bibliotekisto kaj havas malsanan patrinon. Lado estis ĝentila kun la usonanino, sed montradis malpaciencon kaj konstante rigardis foren en la finon de la strato, de kie – kiel al li ŝajnis – jen-jen aperos la ekspedicio. Poste, ne respondinte la vican demandon pri siaj enspezoj, li tute koleriĝinte eksklamaciis:

– Jam kelkajn tagojn mi ĉeestaĉas ĉi tie surplace en atendado! Eĉ ne iris labori al kamparo!

– Ĉu vi certas, ke la ekspedicio devas veni? – demandis mi.

– Oni diris en franca radio... Dumas estis ĉi tie.

Mi strebis certigi, ĉu tiun informon oni mesaĝis en la kartvela radio aŭ televido.

– Mi ne scias, – sekvis la respondo.

Sergo daŭre fosumis en la motoro, sed rimarkeblis, ke li aŭskultadis la okazintaĵojn. Dajan komprenis, ke intervjuo ne rezultiĝas, plene ofendiĝis kaj eksilentis.

– Ĉu al vi iu komisiis renkonti francojn?

Li ĵetis al mi tiun rigardon, kiu klare komprenigis al mi nekonvenecon de tiu ĉi demando. Videblis, ke en daŭro de la interparolo la okuloj de Lado turniĝis al la mondo kaj iĝis pli vivaj.

– Kie vi ellernis la francan?

– En Tbiliso, en agrikultura instituto, – diris li kaj ruze ekridetis, – mi studis vinproduktadon kaj ekinteresiĝis pri francaj vinoj. Mi bonŝancis, ni havis perfektan lingvoinstruistinon – Helena Arnoldovna. Kiel knabineto ŝi venis al Kartvelio el Svislando. Ŝi jam mortis, kompatinda. Tute maljuna estis.

Lado abrupte kortuŝe ekridetis.

– Foje ŝi ekrememoradis la tagon de sia forveturo el Svislando. Estis fulmotondro. Ŝi timis tondron. La pli aĝa kuzo diradis al ŝi, ke en ĉielo ruliĝas granda barelo kaj ĝi falos sur ŝian kapon.

La lastan frazon li ripetis en la franca.

– Kial vi ne laboras laŭ via specialeco?

*ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

Lado malice ekridetis.

– Mi laboris en la loka vinuzino kiel teknologo, ĝis tiu fermiĝis. Same kun la aliaj uzinoj. Plena stagnado. Jen tiu frataro (li montris perokule nardoludantojn) ankaŭ estas senlabora.

Nun Lado pli paliĝis kaj kvazaŭ malgrandiĝis.

– Pardonu min, mi eksidu. En la okuloj ĉio malheliĝis. Ekde mateno mi nenion manĝis. Malbenita malsano kaptas min.

Li eksidis sur la platan ŝtonon, restaĵon de la skvara barilo. Tio allogis atenton de la usonanino, ŝi vigliĝis.

– Kiu estas via familinomo? – demandis li min.

Mi nomis.

– Preskaŭ same kiel ĉe la heroo de Marcel Proust en la romano “Du cote de chez Swann”[3], – diris li enpensiĝinte kaj denove ekrigardis foren, en la finon de la strato.

Subite ekbruis la kapoto. “Pretas, eblas veturi!” – prononcis solene Sergo. Al mi ekŝajnis, ke Lado ekmaltrankvilis. Dajan demandis min angle, ĉu oportunas donaci al ĉi junulo dekon da dolaroj. La projekto antaŭplanis donacfonduson por respondantoj. Lado ĝentile rifuzis la donacon.

– Estus nemalbone, se vi sendus al mi el Tbiliso pilojn por mia radioaparato. La miaj plene eluziĝis, – turnis li sin al mi.

Nia “Fordo” retroturniĝis. Tra la levita per ĝi polvo videblis magra staturo de la junulo. Li staris apoginte sin per la maldekstra mano al la barilo.

– Pli bone li aŭskultu kartvelan radion kaj laboru en la vitejo, – rimarkis Sergo.

Dajan sidis ruĝiĝinta kaj tute nenion komprenadis.

“Kiujarcente foje ĉi tien venos franco”, – ekpensis mi.

***Notoj**:*

*1. Tbiliso – la ĉefurbo de Kartvelio*

*2. Kahetio – la provinco de Kartvelio*

*3. “Du cote de chez Swann” (france) – “Al Swann” (esperante) estas romano de la fama franca verkisto Marcel Proust.*

*Tradukis*

**Svetlana Smetanina**

**(Rusio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_